Alvenas jarfino! En Budapeŝto ni jam prenas niajn botojn por tiri la sakojn de *Juna amiko* tra – nekutime frue – neĝoplenaj stratoj al la poŝto. Imagu, ni apenaŭ finis dissendi al vi la trian numeron, kaj ni jam sam-bote pilgrimos al nia fidela presejo kun la kvara jarfina numero preta.

Kial la hasto, se jam neĝas ĉiu-okaze? Unue, por forigi nian malfruon, due, por ne doni superfluan novjaran donacon al la poŝto, sed trie kaj ĉefe, ĉar ni decidis doni elstaran lokon al Paĉjo Kristnasko kaj Sankta Nikolao en la numero. Majk Sadler kaj Erika Tóth organizis nikolaan feston pasintjare en nia klubejo 'Esperejo' kun tuta serio da viglaj aktivaĵoj. Oni kantis, rakontis, mimis ... kaj ricevis donacojn. La donaco al ILEI estis la tekstoj uzitaj, kiujn ni tamen devis gardi tra dek unu monatoj. Nun, en la post-lasta momento, ni el-ŝrank-igas ilin kaj aperigas ilin: unue legendo, due kanto, kun la muziknotoj por gitara aŭ alia akompano, paĝturne plia legendo kaj poste la pantomimoj. Fermas la prezenton la enkonduko de rol-ludo por ses personoj. La instrukcioj por la aliaj roluloj estas troveblaj en diversaj lokoj poste en la numero – serĉu ilin kaj provu viajn aktorajn lertojn! Por helpi vin, ni prezentas mallongan dialogon inter Paĉjo Kristnasko kaj donaco-deziraj infanoj.

La ridanta vizaĝo, la 'Ho! Ho!' krioj, de la dika Paĉjo Kristnasko estas vaste konataj; sed en nia nuna numero, vi certe ekscios novajn fascinajn informojn pri la vera sanktulo malantaŭ tiu populara figuro.

Agrablajn ĝoj-plenajn jarfinajn festojn kaj feliĉan novan jaron ni deziras al niaj legantoj!

MacGill, Stefan.
*via redaktoro, 16 nov. 1993*

***Ne temas pri tio, ke via redaktoro alprenis hungaran vicordon de sia nomo pro patriotaj kialoj. Rigardu la komencajn literojn de ĉiu alineo. Nun ili prezentas belan vorton: AKLAM.' Laŭ mi la verbo AKLAS ne ekzistas; se jes, estus io terura!***

**Juna amiko, internacia revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)**

**Aperas kvarfoje jare:**
februare, aprile, septembre, novembre.

**Redaktoro:** Stefan MacGill.
**Desegnado,tajpado:** Esperantina Mirska

**Adreso de la redakcio:** pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario. ISSN 0230-1318

**Abonprezo:** Internacie ĉe UEA: 16,00 NLG. Ĉe la kasisto de ILEI 60 SEK (B. Andreasson, Södra Rörum pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio, pĝk. 682117-7 (Stokholmo). En Hungario: 200 HUF (donacabono por eksterlandano 350 ft.) ĉe la Hungara ILEI-sekcio: M. Kovács, Ady Endre u. 23-25c, H-1221 Budapest. Perantoj en 30 landoj; multaj ofertas nacivalutajn abonkotizojn. Reformeŭropaj landoj 350 HUF. Grandaj rabatoj (ĝis 50%) por kvantaj mendoj.

# Legendoj de Sankta Nikolao

La moderna okcidenta 'Patro Kristnasko' portas grandan ruĝan pelton kaj flugas slede tra la ĉielo. Tiuj ideoj venas el usona poemo de la jaro 1822. Tamen aliaj trajtoj de la figuro kiu aperas la 5an, 6an aŭ 24an de decembro estas multe pli malnovaj. Kiuj elementoj el la sekva historio plektiĝis iel en la tradicion de vialanda 'Sankta Nikolao'?

La origina Sankta Nikolao estis episkopo dum la kvara jarcento en Myra, tiu parto de la romia imperio, kiu estas nun Turkio. Ducent jarojn poste vivis en proksima urbo pli strikta sed samnoma episkopo kies karaktero kelkloke influis la 'Nikolaan' tradicion, sed la 'vera' Nikolao estis, laŭ la rakontoj, tre bonkora.

La plej fama legendo pri li temas pri helpo al la tri filinoj de malriĉiĝinta nobelo. Tiuepoke okaze de edziniĝo la patro devis doni monon al la nov-edzo. Niaj tri filinoj, do, antaŭvidis vivojn de mizera fraŭlineco. Feliĉe Nikolao eksciis, nokte aliris la domon kaj enĵetis tri saketojn da oro tra la fenestro (la rakonto ne mencias, ĉu la fenestro estis malfermita!)

Unufoje, tamen, la Nikolaa bonvolemo misiris. Laŭdire Nikolao kaj lia help-pastro voijaĝis al Romo rajdante sur azenoj. Ili haltis survoje por tranokti en Bari, bela ĉemara urbo. Sed la tiea stalo-servisto opiniis tion skandalo, ke episkopa moŝto rajdas sur azeno kaj li nokte fortranĉis la kapojn de la kompatindaj bestoj. Jam antaŭ la tagiĝo la vojaĝantoj leviĝis por daŭrigi sian vojon kaj kiam Nikolao vidis la 'dis-azenojn' li ordonis al la pastro rapide rekudri la kapojn al la korpoj. Kaj mirakle la azenoj reviviĝis. Bedaŭrinde, pro miskudro en la mallumo nun la nigra azeno surhavis blankan kapon kaj la blanka nigran! Instruo: se vi volas fari miraklojn, ne hastu!



Malgraŭ tiu problemeto la belecoo de Bari tre imponis nian sanktulon kaj li volis, ke tie estu lia postmorta ripozejo. Fakte, oni entombigis lin en Myra, sed 700 jarojn poste, en 1087, venis Barianoj ŝipe kaj reportis la ostojn al Bari, kie la papo mem sanktigis ilin. Kaj eĉ hodiaŭ la sanktulo ripozas tie. (...sed nur eble! En 1097 Venecianoj iris al Myra kaj anoncis, ke ili havas la 'verajn' ostojn!)

*Mike Sadler, Hungario.*

# Sankta Nikolao — amiko de infanoj kaj maristoj




Estu vi maristo, sur floso estu vel' kaj mast'
Kaj velu sur la vasta mar'
Kuniru via kato, foriru vi jam sen prokrast'
Sur la oceano
al insul' de Indiano.



Ne estas trinkoakvo, vi volas trinki pli kaj pli
Meze de la vasta mar'
Nikolao sendos pluvon sed ankaŭ devas helpi vi
Ke pluvu al la velo
kaj de tie al botelo.




Vi renkontas marvirinon kaj diris ŝi, ke venu vi
Kunnaĝi en la vasta mar'
Nikolao diras, ke tre danĝera estas ŝi
Tre bela la hararo
sed ne iru al la maro!



Ne estas jam manĝaĵoj kaj vi malsatas pli kaj pli
Meze de la vasta mar'
En maro estu manoj, kaj sendos Nikola' al vi
Bongustan fiŝon al la man' —
ne falu al la ocean'!




Venas nun baleno, aŭ eble venas du aŭ tri
Meze de la vasta mar'
Nikolao scias kaj nun sciu ankaŭ vi
Baleno estas dika
sed kutime tre amika.




Alvenas granda ŝarko, danĝera eble estas ĝi
Meze de la vasta mar'
Nikolao helpos, sed ankaŭ devas helpi vi
Vi iru sen prokrasto
al la supro de la masto!

**Trinkis vodkon kato kaj kun botelo falis ĝi**
**Al akvo de la vasta mar'**
**Nikolao helpos, sed doni manon devas vi**
**Kaj sendu sen prokrasto**
**la piedojn al la masto!**






**Tute vi ne scias, kie estas tie ĉi**
**Meze de la vasta mar'**
**Nikolao helpos vin sed havu teleskopon vi**
**Kun 'skopo kaj okulo**
**venos vi al la insulo.**

*Verkis kaj desegnis:*
*Majk Sadler, Hungario.*




Se vi ne scias kial Sankta Nikolao estas la amiko ne nur de infanoj, sed ankaŭ de maristoj, legu interesan rakonton sur la venonta paĝo! Kaj poste pluiru al amuza pantomima ludo!

*Vi ĵus legis kantan poemon, kiun la aŭtoro prezentis antaŭ unu jaro en la festo de Nikolao en la klubejo 'Esperejo' en Budapeŝto kun dudeko da junuloj. Sed, eble vi scivolas, kiel Nikolao fariĝis protekta sanktulo por maristoj.*

## Nikolao kaj la danĝera parfumo

Nu, dum la epoko kiam vivis nia sankta episkopo, iuj homoj ankoraŭ adoris sovaĝajn paganajn diojn kaj, laŭ la legendo, iun tagon kelkaj kristanoj elterigis arbon dediĉitan al la pagana ĉas-diino Diana.

La diino furiooziĝis kaj elpensis kruelan venĝon. Ŝi aperis kiel belulino al grupo de maristoj kaj donis al ili botelon da oleo, 'mirinda parfumo', kiun ili disŝprucu en la preĝejo.

Feliĉe la episkopo Nikolao renkontis la maristojn ĉe la eniro al la preĝejo, ĉar li tuj vidis, ke la botelo enhavas diablo-oleon kiu, kiam ŝprucite, ne parfumos ĝin sed ekfajros per nesatigeblaj flamoj.

Li tuj ordonis, ke ili ĵetu la oleon foren al la maro kie ĝi sendanĝere bruliĝis. Kaj, ekde tiam, kiam minacas ŝtormoj sur la maro, la maristoj vokas Nikolaon, kiu gvidas la ŝipon al sekura haveno.

Ĉu vere? Mi ne scias, sed preĝejoj de Sankta Nikolao ofte troviĝas ĉe la marbordo.

## PANTOMIMO-LUDO

En la sama festo la junuloj ludis pantomiman ludon. La sekvaj frazoj enhavas vortojn el la Nikolao-kanto. Plej bone estos, se vi kopios la frazojn unuope sur apartaj slipetoj.

Volontulo (eble unuafoje la instruisto) elektas – hazarde – unu slipeton kaj, sen montri ĝin al la kunuloj, provas geste komuniki al ili la enhavon. Laŭeble montru la signifojn de la unuopaj vortoj sinsekve kaj dume la kunuloj laŭte divenadu, kion vi celas. Vi gestu jeson, neon aŭ 'preskaŭon' al la proponoj ĝis ili sukcesos rekonstrui la tutan frazon. La instruisto helpetu se necesas. Eble necesos kelkajn 'konvenciajn' gestojn por bazaj vortoj kiel estas, la, -is, -os, ktp. Bonan amuzon!

Mia kato volas scii, ĉu estas hundoj sur la insulo.
Mi estas via amiko – ĉu vi helpos min?
Ĉu vi ŝatas naĝi? Mia teleskopo falis en la akvon!
Ĉu malsataj ŝarkoj kutimas naĝi apud la insulo?
Ĉu vi renkontis la marvirinon? Ŝi estas tre bela.
Ĉu via domo estas granda? La baleno volas dormi en lito.
Mi donas al vi katon. Ĉu vi donos al mi botelon da vodko?
Mia kato estas malsata. Ĉu estas musoj ĉi tie?



Ĉu la homo en la arbo estas via frato?
Mi volas sendi leteron al mia patrino en Hungario.
Mi estas tre laca. Kie mi povas dormi?
Ĉu estas danĝeraj bestoj ĉi tie?
Bonvolu ne manĝi min. Mi ne estas bongusta.
Ĉu vi malbone dormis? Viaj okuloj estas ruĝaj?
Donu al mi akvon. Mi ne trinkis dum tri tagoj.




## ROL-LUDO POR NIKOLAA AŬ KRISTNASKA FESTO

La unua rolanto estas Sankta Nikolao aŭ Paĉjo Kristnasko. Vi vojaĝis longe kaj estas laca. Sur via sledo vi havas sakojn kun donacoj. Vi alvenas al domo, kie kvin infanoj atendas vin. Vi kunportis en la domon sakon kun kvin donacoj. Ni volas kaŝi de la infanoj, kiuj estas tiuj donacoj, do ni skribas ilin per miksitaj literoj:

1. DMAOLE DVILAAI
2. BLAFE OBRIL KNU SNO-SEKAOD
3. UALD AONIP UKI SVAAH NROMEMO
4. OKLIBIC UKN NOORSOLI KJA MOLPA
5. MOKUKLTTPEIO NUK KERONA JAK SMUO

Voku la infanojn unu post unu, konatiĝu kun ili, eksciu pri iliaj interesoj kaj ŝat-okupoj, demandu ilin, kion ili deziras ricevi. Rigore demandu, ĉu ili bone kondutis dum la lastaj monatoj. Demandu ilin, ĉu la aliaj infanoj bone kondutis, kaj kiu el ili plej bone kondutis. Laŭ la respondoj, decidu, kiu ricevos kiun donacon.

La kvin infanoj trovos siajn instrukciojn sur aliaj paĝoj de la gazeto. Serĉu la dikajn kadrojn, similaj al ĉi tiu. Amuzan rol-ludadon!

## Gogo, Viko kaj amikoj de Martin Weichert



## ESPERANTO-KURSOJ EN USONAJ ELEMENTAJ LERNEJOJ

**instruataj de lernejaj stabanoj (stato je oktobro 1993)**

Nomo de instruisto, nombro de kursanoj, aĝo, priskribo, ŝtato, lerneja adreso.

S-ino D. Abaroa: 23, 12j, Arizono.
Mesquite Elementary School, Mesquite St., Gilbert, AZ 85234
S-ro D. Anderson: 130, 9j, *Utah*.
Washington Elementary School, 300 East, 300 North, Washington, UT 84780
S-ino R. Bowen: 15, 13-14j; kaj S-ino P. Bradley: 15, 9-10j, Ilinojso.
Joplin School, 7931 S. Honore, Chicago, IL 60620
S-ino J. Bybee: 30, 6-15j, talentuloj, *Missouri*.
M.C. Early Schools, Box 96, Morrisville, MO 65710
S-ino R. Feeney: 29, 12-14j, talentuloj, *Connecticut*
Bolton Center School, Bolton, CT 06043
S-ro T. Gerleman: 24, 12-14j, talentuloj, *Wisconsin*
Riverside Middle School, Riverside Circle, Plymouth, WI 53073
S-ino C. Goodfellow: 31, 9-1Oj, talentuloj, Kalifornio
Freese Elementary School, 8140 Greenlawn Drive, San Diego, CA 92114
S-ino P. Hardgrave: 12, 10-12j, talentuloj, Teksaso
Buena Vista Elementary School, Box 310, Imperial, TX 79743
S-ro R. Hinke: 70, 10-11j, Ilinojso
Jackson School, 925 Swain, Elmhurst, IL 60126
S-ro T. Kloecker: 22, 6-8j, *Wisconsin*
Greenfield School, 1711 South 35 St., Milwaukee, WI 53215
S-ino P. Orth: 48, 13j, *Wisconsin*
Holy Name of Jesus School, 814 Superior, Sheboygan, WI 53081
S-ro S. Rabens: 28, 12-14j, Ilinojso
Alcott School, 2625 N. Orchard, Chicago, IL 60614
S-ino C. Ray: 24, 12-14j, *Kansas*
Lansing Middle School, 300 Olive, Lansing, KS 66043
S-ino C. Reinhard: 11, 13-14j, *Minnesota*
Princeton Middle School, 606 South 3rd, Princeton, MN 55371
D-ino Sylvia Richards: 22, 6-7j, talentuloj, *Arkansas*
Northeast Arkansas Public Schools, 631 West Court, Paragould, AR 72450
S-ino T. Sarabia (kaj aliaj): 160, 9j, Teksaso.
Conley School, 3345 W. Greens Road, Houston, TX 77066

Aliaj kurso (re)komenciĝos baldaŭ. Raportis: Kent Jones, Komisiito por Klerigo, ELNA (Esperanto-Ligo por Nord-Ameriko), Apartment D-6, 5048 North Marine Drive, Chicago, Illinois 60640

Jen ĉ. 900 studentoj – por starigi kontakton kun ili, skribu al la donita adreso aŭ por ceteraj informoj al S-ro Jones aŭ al la sekvaj utilaj adresoj por korespondado (aldonante laŭeble respond-kuponon):

- Mondo-rondo, 3876 Belmont Ave., San Diego, CA 92116.
- Koresponda Servo Mondskala (KSM) de UEA, S-ro François Xavier Gilbert, B.P.6, FR-55000 Longeville-en-Barrois, Francio. KSM proponas individuan aŭ klasan korespondadon. Vidu UEA Jarlibron 1993, p. 27.

# Arboj kaj birdoj ankaŭ ne plu ekzistas

**Infanoj skribas pri sia estonteco**

Eldonita germanlingve de: Margitta Meinerzhagen. Eldonejo: Rasch kaj Rohring,Hamburgo. Sendis kaj selektis tekstojn laŭ speciala permeso de la eldonejo: Nora Caragea, Frankfurto.

## Mi timas pensi pri la estonteco

Fakte mi tute ne estaŝ tiel certa, ĉu ekzistos estonteco. Per tio mi celas ekzemple la aferon pri Ĉernobilo. Kio okazis tie, pri tio oni ne plu deziras rememori. Kiom da homoj pereis pro la radio-aktiveco, kiom da estas turmentataj, kioom da vivis en angoro!

> **Vortklarigoj:**
> *Ĉernobilo:* *nuklea elektro-stacio* apud Kievo, kiu eksplodis.
> turmento: angoro, malpaco, ĝeno
> kontaminita: venenigita, plena je danĝeraj substancoj
> perei: malaperi, ne plu ekzisti
> estonteco: la tempo antaŭ ni.
> rimedo: helpilo

Tio estas tiel terura, ke oni tute ne poovas forgesi tion. Mi ankaŭ ne pridubas, ke tio povus okazi ankoraŭfoje. La mondo estas jam tiom kontaminita, ke oni timas, ke iam oni pereos en la odoraĉo. Ankaŭ la malsanooj iĝas pli kaj pli teruraj. Unue estis kancero, kiu timigas kaj teruriĝas ĉiun, kaj nun estas aidoso. Tiu ĉi malsano povas trafi ĉiun. Mi opinias, ke en la paso de l'jaroj ĝi pli kaj pli disvastiĝos kaj estos pli danĝera.

La estonteco, kiel mi imagas ĝin, laŭ mia opinio ne iĝos pli bona eĉ per la kmputiloj kaj robotoj. Kontraŭe, malaperos pli da laborlokoj. Estiĝos pli da senlaboruloj. Sed mi esperas, ke estonte ne okazos nova milito en kiu la mondo pereos. Nur unu aferon mi deziregas: ke la estonteco estos pli bona ol la pasinto, en kiu ni ankoraŭ troviĝas. Mi deziras imagi la estontecon tia, ke la homoj pli bone interkompreniĝas, ke ne plu estiĝu milito, ke estu malpli da senlaboruloj, ke la mondo ne estu pli kontaminita kaj ke ekzistu rimedoj kontraŭ la malsanoj. Tiel aspektu la estonteco.

*13-jara knabino, Berlino, Germanio.*

## Rol-ludo: Andreo (12-jara knabo)

Vi estas bona sportisto, vi ŝatas naĝi, kuri, ludi futbalon kaj bicikli. Vi havas propran bicikleton, sed vi estas jam tro granda por ĝi — ĝi taŭgus por 8- aŭ 9-jarulo. Vi volas ricevi novan biciklon. Vi estas mallerta pri muziko kaj ne povas bone kanti. Dum muzikaj lecionoj vi movas viajn lipojn sed ne eligas sonon. Kiam vi estos plen-kreska, vi volos esti piloto. Vi ŝatas ankaŭ kunmeti modelojn. Krom biciklo, vi volas ricevi por Kristnasko modelon de dinosaŭro — vi ĵus vidis la filmon *Ĵurasa parko*, kaj poste amuze ludis je dinosaŭroj kun la aliaj infanoj.

Laŭ vi, vi sufiĉe bone kondutis, male al Cecilo, kiu ĉiam rifuzas manĝi spinacon. Ĉe la manĝo-tablo, kiam la gepatroj ne rigardas, li forĵetas ĝin, eĉ unufoje en la boton de gasto!

# 3 li te ra lu do




*(R) = uzu nur la radikon.*

HORIZONTALE:

1. _____-boato ne havas motoron.
2. Prefikso, kiu indikas la rektan kontraŭon.
3. Sukoplena frukto, kiu kreskas arbe, kun ne-ronda formo. (R)
4. Oni ŝlosas pordon _____ ŝlosilo.
5. Matenmanĝa substanco. (R)
6. Loko, kie ni forprenis aŭ forfosis la enhavon. (R)
8. Sono, kiun faras hundo. (R)
9. Kun escepto de nenio.
10. Verŝu la lakton _____ la kruĉo.
11. Ronda objekto, per kiu iras multaj transportiloj. (R)
12. Loko kun akvo: pli ol flako, malpli ol maro. (R)
13. Havi emocian inklinon al iu.
14. La knabo lavas la propran korpon. Li lavas _____.
15. Kandeloj staras _____ kuko.
16. La japana mon-unuo.
17. Eleganta sinjorino. (R)
18. Irito, agaco, malagrablaĵo, enuo, malhelpo. (R)
19. Aŭgusto estas la _____ monato de la jaro.
21. Botelo da _____', mi amas _____!
22. Pordo-malfermilo. (R)
23. Li diris, _____ li venos.

VERTIKALE

1. Longa, ŝtala objekto sur kiu iras trajno aŭ tramo. (R)
2. La kvina monato de la jaro. (R)
3. Ni nuligis la ekskurson _____ la ŝtormo.
4. Mono, kiun oni donas por aĉeti ion. (R)
5. Maniero sendi sekretajn mesaĝojn. Morso kreis unu. (R)
6. La trunketo de floro. (R)
7. Tio estas _____ granda ol nenio.
8. Purigujo. (R)
9. Manĝu fruktojn _____ ili enha-

vas vitminojn.
10. Deziro, volo, inklino.
11. Tio ekzistas se du vortoj havas la saman finan parton, ekz. 'lumo' kaj 'sumo'. (R)
12. Ĝi rondiras la teron. (R)
13. Membra.
14. Natrio-klorido. Ni aspergas ĝin sur niajn manĝaĵojn. (R)
15. Mal-kun.
16. Prefikso, kiu signifas 'antaŭa', 'iama', 'ne-plua'.
17. 'Rompi' kaj 'levi' estas _____ -ligaj verboj.
18. Dinosaŭro estas bestego. _____ vivis antaŭ longa tempo.
19. Sufikso, kiu indikas frakcion.
20. Vi rajtas naĝi, nur _____ la kurento ne estas tro forta.

SMG

* * * * *

*En la enigmo kvin du-literaj vortoj aŭ afiksoj ne havas numeron aŭ helpindikon. Listigu ilin kaj uzu ilin en unu frazo, kaj sendu tion al ni ĝis la 28a de februaro, 1994. Ni aljuĝos premiojn el inter la ĝustaj respondintoj. Ni juĝos laŭ la originaleco aŭ amuzeco aŭ saĝeco de la frazo. Unu premio por sub-15-jaruloj, unu sen aĝ-limo. Informu nin legeble pri via nomo, adreso kaj aĝo!*

**Gazdag Erzsi**

# Alvenis Nikolao



Tra montar' per sleda vag'
Lin adiaŭis pinoj
Sak' sur monta glata lag'
Ĝin kudris flus-feinoj.
    Mielon urs' kolektis
    Por li somero-meze
    Mirtel-korbeton plektis
    Aŭtuno tre kompleze.
De sciuroj ruĝ-piedaj
La aveloj flintas
Kaj sonoriloj sledaj
Tra silent' ektintas.
    Jam en la korton venas!
    Neĝotreta son'
    Por vi la sako plenas
    Inundas vin en bon'!

*Pretigita surbaze de traduko sendita de József Fórizs, Budapeŝto.*

VORTKLARIGOJ

sledo: neĝ-veturilo
vagi: vojaĝi, ne ĉiam rekte
pino: arbo, kiu restas verda tra la tuta vintro
fluso: akvo-fluo, tajdo
feino: imagata estaĵeto
mirtelo: ruĝaj beroj
plekti: aranĝi, kunmeti
kompleze: bonvole
avelo: nukso, kiun ŝatas sciuro
flinti: fari sonon kiel la kunbatado de flintŝtonoj
tinti: delikate sonori
treti: paŝi iom peze
inundi sin: supermezure kovriĝi

# HOLA, HEJ! MI



Melodio (norvega):

Nei, nei, gutt

Hola, hej,
Mi flugas al Pompej':
Flugas mi al Vezuvio
En la lando Italio,
Preter lun' kaj stel'
Supre en ĉiel'.

Hola, hej,
Mi flugas al Marseille.
En la bela land' Francio.
Poste tuj al Hispanio.
Tiam vokas min
Hejmen la patrin'!




Ĉi tiu kanto estas unu sepdek du el la verko *Fantaziaĵoj kaj kantoj por infanoj* de Jon Rommesmo el Norvegio, kiun ILEI nun pretigas por eldono.

## Fabelo pri avara hundo

Hundo eniris vendejon. Ĝi sidis kaj rigardis la buĉiston. Ĝi rigardis lin dum kiam li vendis pecon da bovaĵo. Ĝi rigardis lin dum kiam li vendis pecon da ŝafaĵo. Kiam la buĉisto turnis sin momente, la hundo kuris supren tre rapide al la budo. Ĝi portis grandan pecon da viando en la buŝo kaj forkuris. Kiam la buĉisto ree turnis sin li vidis la hundon sed estis tro malfrue por kapti ĝin. La hundo eskapis kun la viando.



Survoje hejmen la hundo venis al ponto. En la mezo de la ponto ĝi rigardis malsupren kaj vidis sian spegulaĵon en la akvo. Ĝi pensis, ke estas alia hundo kun peco da viando en la buŝo. La avara hundo planis forpreni la viandon de la alia hundo, pri kiu ĝi kredis, ke ĝi estas en la akvo. Ĝi rigardis zorge kaj vidis ke la hundo kun kiu ĝi devas batali estas pli malgranda ol ĝi mem. Ĝi ankaŭ nepre intencis mordi senkompate antaŭ ol forpreni la pecon da viando. Kun ĉi tiuj pensoj en sia menso la avara hundo saltis en la akvon sed ne sciis, ke tiu kun kiu ĝi devas batali estas ĝia propra spegulaĵo.

Kiam ĝi penis atingi la alian hundon, el ĝia buŝo forfalis la viando en la riveron kaj perdiĝis. Ĝi ne plu vidis la alian hundon kaj ankaŭ sian viandon. Malsata, la avara hundo foriris malĝoje.

**VORTKLARIGOJ**
- avara: maldonacema.
- buĉisto: viand-vendisto
- spegulaĵo: identa bildo de objekto, videbla sur glata akvo-surfaco.
- mordi: preni per la dentoj
- peni: klopodi, provi

* * * * * * * * *

Avaraj kaj egoismaj homoj ofte perdas tion, kion ili havas dum ili provas forpreni tion, kio apartenas al aliaj.

*Ezebingaya Charles, Niĝerio.*

## Rol-ludo: Barbara (11-jara knabino)

Vi ŝatas pentri, desegni, kanti kaj muziki. Sportojn vi ne multe ŝatas. Via plej bona amiko nomiĝas Ĉarlota, kvankam ŝi estas nur 9-jara. Ŝi ne povas kuri, nur malrapide paŝi, ĉar ŝi havas turnitan piedon, kiun oni ne povas kuraci. Diru al Paĉjo Kristnasko, ke biciklo estus ideala donaco por ŝi, ĉar per ĝi ŝi povus ekskursi kaj iri ĉiutage al la lernejo pli facile. Ŝiaj gepatroj ne havas sufiĉan monon aĉeti por ŝi biciklon.

Vi havas malplej bonan amikon, Diana. Lastatempe ŝi verŝis akvon sur la dorson de via amata kateto. Kaj Cecilo rigardas multe tro da televido. Tio plus ĉiutagaj vizitoj al la halo de komputilaj ludoj, signifas, ke li preskaŭ vivas antaŭ ekrano. Tio estas tre malsaniga.

Por Kristnasko vi volas ricevi modelan dinosaŭron!

**MUZIKO por la JARFINA SEZON'**

## Festoj de KRISTNASK' (Amplifiki)

Kantado ludas grandan rolon en niaj kristnaskaj festoj – eblas ĝui tion ankaŭ en Esperanto. La redakcio havas unu el tiuj kasedoj. Ĝin eldonis la pop-grupo Amplifiki, kun la helpo de kelkaj amikoj. La konstantaj amplifikanoj nomiĝas Per-Ole, kiu kantas, Mikke, kiu gitaras, Olle, kiu drumas (aŭ tamburas) kaj Bobbi, kiu bas-gitaras. Ilin helpis Juhani, Nataŝa, Ĵomart kaj Diana. En Stokholmo en 1990 ili produktis la kasedon.

Vi aŭdas dek kantojn: Meznokt' regas, Blanka jul', Ĉe rando de l'ŝose', Sledveturado, Sankta nokt', Fest' de Kristnasko, Boaco, Sankta Nikolao, Venu Sankta Nokt' kaj Stelo de l'dezir'. Tiu lasta komenciĝas per la ĉarma (eĉ kliŝa) simpleco de la originalo – ja ĝi fariĝis la antemo aŭ tem-muziko de *Disneyland* – sed mezvoje ŝanĝiĝas, kaj ni ricevas frandindan satiraĵon pri la malpozitivaj flankoj de dezirado.

Multaj libroservoj stokas tiun kasedon, kaj povos sendi al vi liston de aliaj son-kasedoj riceveblaj en Esperanto.

* * * * *

## Internacia Junulara Kongreso

Proksimume ducent junuloj el tridek landoj atingis Vraca en Bulgario komence de aŭgusto por ĝui la 49an IJK. La jubilean 50an IJK oni organizas apud Seulo en Koreio, en la unua semajno de aŭgusto 1994, tuj post la Universala Kongreso. Dum tiu UK okazos kiel kutime Infana Kongreseto, kaj tuj post tio, dum la instruista konferenco, okazos la tria Gimnazio de ILEI.

Jen la kvara kaj lasta parto de *Fabela Mondo*. Se vi elprenos la mezajn paĝojn de nia jarkolekto kaj kunfiksos ilin, vi povos formi 16-paĝan libreton! Ĝojan legadon el la

# FABELA MONDO



## Kolaziono

Staras domo sur la monto,
ĉe la monto ŝprucas fonto,
el la fonto fluas rojo,
apud rojo kuras vojo.
Laŭ la vojo ĉaro iras
kaj la ĉaron bovoj tiras,
krom la bovoj la ĉevalo,
kiu loĝas en la stalo.
Tiu stalo ege vastas.
Bovoj en la stalon hastas,
kaj al domo la koĉero,
ĉar lin pelas la espero
manĝi frandan kolazionon:
panobulon, kokduonon
kaj bongustan porkan renon.
Bovoj manĝos la avenon.
La koĉero maĉas pomon
kaj rapidas en la domon,
kiu staras sur la monto,
ĉe la monto ŝprucas fonto,
el la fonto fluas rojo.....

**Vortklarigoj:**

kolaziono: kunmetita manĝo
rojo: malgranda rivereto
ĉaro: veturigilo
stalo: loĝejo de ĉevalo
hasti: rapidi
koĉero: veturigisto de kaleŝo
franda: alloge bongusta
peli: forkurigi
aveno: speco de greno
reno: interna organo de homo aŭ besto.

# Joĉjo skulptisto



### Vortklarigoj:

skulpti: formi figuron
ŝelo: ekstera parto de arbo-trunko
pado: vojeto
torento: rapidflua rivero
*bunta: multkolora*
pavo: belvosta birdo
limako: sen-doma heliko
nutri: manĝigi
milda: delikata, neforta
*diamanti: brili kiel diamanto*
lanti: malrapidi
subite: neatendite
trista: malgaja

Sidas Joĉjo en angulo,
kion skulptos sur tabulo
li klarigas al fratino:
vidu, tie estos pino
kun bruneta, dika ŝelo,
tie flugos la abelo
kaj sur bordo de torento
staros domo kun tegmento.
En ĝardeno floroj floros,
sur la pado sablo oros
kaj promenos bunta pavo.
Sur benketo sidos avo,
duondorme pipon fumos,
suno avon okulumos.
Kaj avino en kaptuko
nutros kokon per la kuko.
Ĉe la bordo de torento
florojn movos milda vento,
akvo fluos, diamantos
kaj limako eta lantos.
Sur herbejo inter plantoj
vigle paŝos du irantoj:
gaja knabo kun la hundo.
Kaj subite: "Aj, aj vundo"!
Krias Joĉjo: "Aj, doloras"!
Li tabulon ĵetas, ploras.

* * *

Kuŝas triste en angulo
Tranĉileto kaj tabulo.
Jen la sola skulptefiko:
doloriga fingropiko.

# Lupidoj lernas



**Vortklarigoj:**
felo: harplena haŭto de besto
muzelo: buŝo de besto
kulo: estaĵo, kies piko povas kaŭzi malarion
ŝirmi: protekte kovri
leki: tuŝi per la lango
ank': ankoraŭ
spuro: postsigno
mordi: kapti per dentoj
teda: laciga
pulo: malgranda estaĵo kiu suĉas sangon kaj vivas en haroj de hundo aŭ alia besto.

**Sub la fago, en arbaro**
**vivis iam lupa paro**
**kaj lupidoj grizafelaj,**
**pintorelaj, pintmuzelaj.**
**La gepatroj iris ĉasi,**
**idojn devis do forlasi**
**kaj avertis malspertulojn:**
**vi ne timu etajn kulojn,**
**tamen timu la abelojn!**
**Gardu, ŝirmu la muzelojn,**
**ĉar abeloj forte pikas!**
**La lekado ne efikas**
**kaj muzelo ŝvelas, ŝvelas,**
**tre doloras kaj malbelas.**
**Tre danĝeras ank' vipuro,**
**eĉ pli multe! Ĝia spuro**
**evitendas! Ne scivolu,**
**en kavaĵo sidi volu**
**kiam la gepatroj ĉasas,**
**tien - reen ĉase pasas.**
**Morgaŭ estos leciono**
**pri la tuta regiono:**
**kiel hejmen trovi vojon**
**kiel serĉi puran rojon,**
**kiel mordi tedajn pulojn,**
**kaj nun dormu jam etuloj!**



# Papago



Sub dikbranĉa olda fago
saltas en la kaĝ' papago.
En branĉaro birdoj sidas,
kaĝon kun papago vidas.
Miras: "kial la papago
rapidfluga kvazaŭ sago
ne forflugas en aeron
kaj toleras malliberon"?
La papago, do, insulte
pepas: "vi rezonas stulte,
ege stulte vi rezonas"
— eĥe en arbaro sonas.
Grava birdareopago
ekdiskutis kun papago.
Tamen tiu ĉi emfaze
Respondadis unufraze.
Jen kaj jen ripet-singulte:
"Vi rezonas tute stulte,
tute stulte vi rezonas".
Pli da frazoj ĝi ne konas.
"Ne valoras ja diskuti
kaj pli saĝe estas muti.
Cerbomankon ĝi suferas,
krome stultas kaj fieras"
— Diris plej maljuna gufo
kun hirtita plumotufo.
Kaj fininte la malpacon
Birdoj flugis aerspacon.

**Zofia Mirska**

**Vortklarigoj**

fago: granda arbo, kies lignon oni uzas por konstrui mebłojn.
sago: pinta stangeto, kiun oni flugigas per pafarko.
areopago: antikva tribunalo en Ateno.
muti: esti senvorta.
gufo: speco de strigo t.e. nokto-birdo.
tufo: densa kolekto de io.

## Rol-ludo: Cecilo (8-jara knabo)

Vi estas la plej juna, tamen vi estas tre lerta. Vi jam atingis milionon da poentoj en la komputila ludo 'Invado de la Vogumoj'. Por Kristnasko vi ŝatus ricevi propran komputilon, ĉar vi povus instali multajn novajn ludojn kaj ludadi, eĉ kiam la ludeja halo estas fermita. Vi ne multe legas; vi preferas spekti rakontojn en la televido. Vi estas tiom bon-konduta, kiom averaĝa ok-jarulo — do, anĝelo vi ne estas. Vi ekzemple tre malŝatas spinacon, sed tio estas tute komprenebla, ĉu ne?



Krom komputilo, vi volas ricevi vidbendon pri dinosaŭroj, eble la filmon *Ĵurasa parko*, kiun vi volonte revidos plurfoje. Ĉarlota ĝenas vin ofte, ĉar ŝi tiom malrapide iras surstrate. Vi devas atendi ŝin, kiam vi volas kuri rapide al la komputila ludejo.

## Rol-ludo: Ĉarlota (9-jara knabino)

Vi ŝatas rakontojn kaj librojn. Vi preferas resti hejme, ĉar vi ne povas facile kuri kaj ludi sportojn. Unu el viaj piedoj estas denaske turnita — paŝi pli ol cent metrojn estas jam laciga. Vi volonte ricevus biciklon, per kiu vi povus agrable ekskursi kun la aliaj kaj esplori la urbon kaj kamparon. Vi estas bon-konduta, ĉar vi ne povas forkuri post faro de malbona ago. Krom biciklo, vi ŝatus ricevi modelan dinosaŭreton, laŭ la filmo *Ĵurasa parko*, kiun vi ĵus vidis kun la aliaj. Vi tre ŝatas la aliajn infanojn, nur tiu Andreo ne estas tro bona. Ekzemple, tuj post la filmo, li konstruis tiranosaŭran maskon, surprenis ĝin kaj kaŝis sin en ŝrankon. Kiam mi malfermis ĝin, li elsaltis kriante laŭte kaj timigе!



Koran dankon al nia itala peranto, s-ino Carla de Lorenzi, pro du donac-abonoj! Dank' al tio, *Juna amiko* povis atingi junulojn en du pliaj foraj landoj!

**rumana legendo**

# Bazilio kaj Peonio

En la pratempoj, kiam la Dio kreis la florojn kaj dotis ilin per koloroj kaj odoroj al Brazilo estis destinite havi belan, ruĝan floron sed senodoran, dum Peonio ricevis etajn, blankajn florojn bel-odorajn. Ekfieris Peonio pri sia bonodoro primokante Bazilion kaj dirante: "Mi estas pli bela ol vi. Mia odoro plaĉas al ĉiuj. La abeloj amase venas al mi kaj knabinoj min portas en siaj harplektaĵoj, min plantas en siaj ĝardenoj kaj min prizorgas, dum vin ĉiuj malŝatas. Via odoro ĉiun naŭzas. Domaĝe, ke via ruĝa floro utilas al nenio. Se mi havus vian floron mi estus la unua inter floroj."

Malfeliĉiĝis Bazilio pro la mokado de Peonio kaj plorante ĝi petis la Ĉielan Patron senigi ĝin je Peonio kaj ĝiaj primokoj. Kaj kompreninte la malkonkordon inter Bazilio kaj Peonio la Sanktulo provis pacigi ilin kaj diris al Bazilio: "Nu, floro obstina kaj maldankema, kial vi malĝojas? Ĉu vi ne kontentas pri la ricevita doto?"

Kaj respondis Bazilio: "Jes, ja sinjoro ... sed Peonio..." – kaj ĝi klarigis laŭvice la fierajn primokojn de Peonio. La dio koleriĝis pro la fiero kaj vantemo de Peonio kaj malbenis ĝin dirante: "Malbenata estu ekde nun! Vi portu la ornamon de Bazilio, kiun vi malrespektis, kaj ne plu moku la aliajn florojn".

Kaj ekde tiam Bazilio havas etajn, blankajn florojn bonodorajn, kiel rekompencon pro siaj modesteco kaj pacienco. Ekde tiam ĉiuj ŝatas ĝin, dum Peonion kun ruĝa floro malbonodora neniu ŝatas kaj ĝi izolite kreskas ie-tie.

*El la rumana tradukis*
*Ionel Onet.*



**VORTKLARIGOJ**

doti: die donaci.
konkordo: harmonio, paco
obstina: malbonvolema
vanta: kredanta sin supera
beni: doni dian aprobon
rekompenco: io ricevita pro iu merito aŭ kvalito.
respekti ion: havi bonan opinion pri io.
izolita: en fora loko, malproksime de kunuloj.

**legendo el Ganao**

# La Ĉielo kaj la Tero

De longa tempo la Ĉielo kaj la Tero estis fidelaj amikoj kaj ili laboris en la samaj kampoj. Iun tagon dum la laboro ili trovis du dikajn ovojn en birdo-nesto kaj ĉiu el ili prenis po unu ovon. La Tero iris al sia domo, kuiris la ovon kaj avide ĝin manĝis. Sed ĝia amiko, la Ĉielo, bone zorgis pri sia ovo kaj ne manĝis ĝin. Post dek du monatoj el la ovo de zorgema Ĉielo naskiĝis bela kaj grasa virino. La virino naskis belan knabon kaj du belajn filinojn. La du amikoj ĉiam prilaboris diligente siajn kampojn kaj la vivo estis agrabla.

Iun tagon la Ĉielo iris al la domo de sia amikino la Tero kaj ĝi demandis: "Mia kara amikino, kion vi faris kun via ovo?" Kaj la Tero respondis: "Ho! – mi jam kuiris kaj manĝis ĝin!" Kaj la Ĉielo diris:" Ĉu?" Kaj la Tero respondis: "Jes, jes."



Samtempe la tero demandis al la Ĉielo: "Kara amikino, kion vi faris kun via ovo?"

La Ĉielo respondis: "Mi ĝin gardis." La Tero demandis: "Kiu estas la rezulto?"

"Ĝi donis al mi belan virinon kiu naskis belan knabon kaj ankaŭ du belajn filinojn" respondis la Ĉielo. Kaj la Tero naive ekkriis: "Ĉu eblas? Ni iru kontroli, ĉu estas vero."

Ili iris al la domo de la Ĉielo kaj tiam la Tero ekmiris vidinte la belan familion de la Ĉielo kaj ĝi mute kuris al sia domo.

Noktiĝis kaj kiel kutime la Ĉielo iris al la domo de sia amikino la Tero por viziti ŝin. Tie la Ĉielo rimarkis, ke ĉio silentas, la aero estis peza kaj seka, oni aŭdis nur la laŭtajn pepojn de la birdetoj en la nestoj. La Ĉielo surpriziĝis ĉar kutime la amikino Tero ne dormas frue. La Ĉielo frapetis al la pordo: frap, frap, frap, sed nur la eĥo de la pordo aŭdiĝis. Tamen en la domo estis bruoj. Tiam la Ĉielo kolere decidis iri for de la domo de sia amikino la Tero por neniam plu vidi ŝin.

La Ĉielo iris supren kaj ploris. La larmoj de Ĉielo malsekigis la Teron. Do, jen kial la Ĉielo estas for de la Tero. Pro profunda amikeco al la Tero, la Ĉielo sendas siajn pluvajn

**VORTKLARIGOJ**

- avide: pensante nur pri si
- zorgema: donanta multan atenton
- naive: sen zorga pensado; tro facilanime
- larmo: akvo-guto el okulo pro plorado

larmojn. Nokte la Ĉielo sendas sian virinon – la Lunon por lumigi la domon de sia amikino la Tero kaj ankaŭ sendas siajn belajn filinojn la Stelojn por gvidi la Teron. Tage la Ĉielo sendas sian belan filon la Sunon por veki la Teron.

**Moralaĵo: La vojo al amikeco neniam mallumas kaj foras.**

*Antoine Kouassi Kouablan, Ganao.*

---

# Klubo de Legantoj

**La rubrikon gvidas Josef Chvosta, Dr. Horakove 16/268, 29001 Podebrady, Ĉeĥa Respubliko.**

Sendu vian solvon rekte al tiu adreso ĝis la apero de la sekva numero. Ĉiu solvo estos rekompencota.

## Vojaĝo tra Afriko

Ĉar Karlo gajnis grandan sumon en loterio, li decidis elspezi ĝin por vojaĝado tra Afriko, kiu jam longatempe allogis lin. Unue li ŝipveturis el Praha en la Ĉeĥa Respubliko, tra la maro ĝis Alĝerio en Maŭritanio. De tie li vojaĝis sur la dorso de kamelo en la najbaran ŝtaton Niĝerion. De tie li daŭrigis sian vojaĝadon per luita taksiaŭto en najbaran Zairion. Tiu lando estas grandega, sed Karlo strebis atingi la najbaran Zimbabvon kaj atingi ties marbordon. De unu haveno de Zimbabvo atingis Karlo per ŝipo la havenon de Kab-urbo en Sudafriko. Tie estis la celo de lia vojaĝado tra kelkaj ŝtatoj de Afriko.



La rakonto ŝajnas esti laŭfakta, sed se oni detale studas la landkarton pri Afriko, do oni ekkonas, ke en la rakonto estas neprecizaj faktoj, eraroj kaj neebloj. Ĉu vi kapablas trovi ĉiujn erarojn kaj neprecizaĵojn?

# Mia mono dum monato

## elementa kurso en ekonomiko

Per loĝas en Svedio. Ekde lia deka naskiĝtago, liaj gepatroj donas al li okdek kronojn ĉiusemajne. Tio estas poŝ-mono. Per metas la kronojn en la poŝon, sed baldaŭ li volas aĉeti glaci-kremon, sandviĉon aŭ ludilon. Li devas kelkfoje aĉeti donacojn por amikoj kaj parencoj. Li havas hundon, Tuf, kiu ankaŭ bezonas donacojn. Ofte, ĝis la fino de la semajno, aŭ eĉ pli frue, la poŝo de Per estas malplena. Li serĉas, ĉu en la fundo aperis truo, sed ne!

"Ve, mi ne komprenas! Kien malaperis mia mono?" li demandas sin regule, kaj al la gepatroj: "Okdek kronoj ne sufiĉas. Ĉu mi ne povus ricevi pli?"

Paĉjo respondas per prelego pri ekonomia stagno, malfavora borsa konjunkturo, nestabila labor-merkato ktp. Panjo respondas plende pri inflacio, ĉiam pli altaj prezoj, kaj novaj impostoj. Per ne bone komprenas ĉiujn el iliaj vortoj, sed li bone komprenas, ke la respondo al lia demando estas: "NE!"

Do, li decidas mem trovi solvon. Unue, li gajnos monon divers-maniere. Due, li aĉetos plumon kaj kajeron, kaj li skribos ĉiumonate poŝmonan raporton. Li faros liston de ĉiu okazo, kiam li ricevos aŭ foruzos monon. Monomovo nomiĝas *spezo*.

- Kiam vi ricevas monon, tio estas *en-spezo*.
- Kiam vi fordonas monon (ekz. aĉetas ion) tio estas *el-spezo*.

Ni montras la liston sur la sekva paĝo. La spezoj aperas en la ordo de okazo. Aldone al la klarigo de la spezo, li skribas la daton, la sumon (la nombron de svedaj kronoj), en la kolumno *Enspezo* aŭ *Elspezo*. Se ĝi estas elspezo, li aldonas kodon, kiu metas tiun elspezon en kategorion. Li kreis kvar kategoriojn kaj kreis unuliteran kodon por ĉiu kategorio::

| | | | |
|---|---|---|---|
| M: | Aĉetitaj manĝoj | L: | Aĉetitaj lernejaj aferoj |
| P: | Aĉetitaj poŝtmarkoj | D: | Diversaj kostoj (elspezoj). |

En la fino de la unua monato en la nova eksperimento, Per prenis sian kalkulilon kaj adiciis ĉiujn enspezojn. Poste li adiciis ĉiujn elspezojn. Li feliĉe trovis, ke la enspezoj estis iomete pli ol la elspezoj. Kaj fakte, restis iom da mono en la poŝo. Do, li kalkulis la diferencon de la du sumoj de la listo: 491 – 457 = 34 svedaj kronoj (SEK). Hura! Bela rezulto! "Mi estas la granda komercisto!" li pensis: "En aprilo mi havis profiton de 34 kronoj!! Kiam mi plenkreskos, mi certe iĝos mond-fama komercisto!"

Sed lia ĝojo ne restis longe, ĉar li metis la manon en la poŝon kaj eltiris – nur dek ok kronojn. Ve! Kion fari? Unue, li serĉis la alian poŝon, la poŝojn de aliaj vestaĵoj, diversajn kaŝ-lokojn por mono. Ne. Do, li reprenis la liston, kaj rekalkulis ĉion. Sama rezulto: devus esti 34 kronoj, sed estis fakte nur 18. Do, estis mistero pri 16 kronoj. Li komencis rekontroli ĉiun linion de la listo. Ĉu ie li skribis '10' anstataŭ '26'? Aŭ ĉu li iam forgesis skribi iun spezon

## Spezoj por aprilo 1993 ĉio en svedaj kronoj

| Dato | Klarigo | Enspezo | Kodo | Elspezo |
|---|---|---|---|---|
| 3. | Poŝmono por la unua semajno | 80 | | |
| 6. | Vendis uzitan paperon al reciklejo | 8 | | |
| 8. | Tri kajeroj por E-grupo | | L | 15 |
| 9. | Reportis botelojn al la butiko | 12 | | |
| 10. | Poŝmono por la dua semajno | 80 | | |
| 14. | Leteroj al korespondamikoj | | P | 9 |
| 15. | Glacikremo | | M | 12 |
| 18. | Donaco de onklino (pilko + batilo) + mono | 100 | | |
| 19. | Hamburgero kaj fritoj | | M | 42 |
| 20. | Poŝmono por la tria semajno | 80 | | |
| 21. | Kolumo kaj kaŭĉuka osto por mia hundo | | H | 60 |
| 22. | Kontribuo al rompita fenestro | | D | 80 |
| 24. | Dankletero al onklino (sen mencio de la fenestro kaj konfisko de la batilo | | P | 4.50 |
| 25. | Rastis foliojn por najbaro | 50 | | |
| 26. | Aĉeto de donaco por mia kuzo | | D | 60 |
| 26. | Sendokostoj por la donaco | | P | 12.50 |
| 26. | Trovis surstrate | 1 | | |
| 27. | Donaco al la Ruĝa Kruco | | D | 20 |
| 27. | Kukoj por festo | | M | 75 |
| 27. | Poŝmono por la lasta semajno | 80 | | |
| 28. | Medikamento por mia hundo (eble estis eraro doni al ĝi kukojn) | | H | 40 |
| | SUMOJ: | 491 SEK | | 457 SEK |

| | | |
|---|---|---|
| Diferenco laŭ kalkulo: 491 – 457 = | 34 SEK | |
| Fakte trovita mono: | nur 18 SEK | |
| Mistera diferenco | 16 SEK | Kial? Mi esploru tion! |

– iun el-spezon? Ĉu li iam aĉetis ion? Li rigardis, rigardadis fikse al la financa kajero, tenante sian financan plumon, sed inspiro aŭ memoro ne venis.

Sed, momenton! La kajero mem, kaj la plumo! Tiujn li aĉetis en la unua de aprilo! Kaj ĝuste la kostojn de ili, li forgesis skribi! Bona ŝerco de la unua de aprilo! Li fosis inter la paper-folioj kaj duon-manĝitaj pomoj de la lerneja teko kaj retrovis la paper-pecon, kiun li ricevis en la butiko: la *kvitancon*. Jes, precize: 16 kronoj. Bone, la spezo-konto por la monato estas ekvilibra! La kalkulo identas kun la restanta mono!

Do, li preparas la liston por majo, kaj en la unua linio li skribas:

*Bonhavo restanta el aprilo: 18 SEK*"

kaj tuj komencas pensi, kion li povos aĉeti per ĝi.

* * * * * *

Nun Per havas detalan liston por aprilo Sed li estas ankoraŭ ne kontenta. Li volas havi pli koncizan (mallongan) liston, pli superrigardeblan. Li volas havi raporton, kiun li povas facile kompreni, kiu donas la tutan bildon sen la detaloj. Do, li adicias ĉiujn spezojn kun la sama kodo, apartigas la sumojn en du listojn: enspezojn kaj elspezojn. Jen lia rezulto:

**RESUMA POŜMONA SPEZOKONTO POR APRILO 1993.**

Per Gajno, Svedio. Ĉio en svedaj kronoj (SEK)

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *ENSPEZOJ* | | *ELSPEZOJ* | | |
| Poŝmono | 320 | Manĝaĵoj | 156 | |
| Donaco | 100 | Lernejaĵoj | 15 | |
| Aliaj | 71 | Hundo | 100 | |
| SUMO: | 491 | Poŝto | 26 | |
| | | Kajero +plumo | 16 | (forgesita!) |
| Transiru al majo: | 18 | Diversaj | 160 | |
| SUMO: | 473 | SUMO : | 473 | |

Ĉu vi suferas same kiel Per? Ĉu vi vane serĉas truon en via malplena poŝo fine de la monato? Ĉu vi volas pli bone organizi vian propran monon? Per donas al vi bonan modelon kaj ekzemplon. Provu dum unu monato!

Sur la posta paĝo, vi vidos, ke la Ligo de Instruistoj (ILEI) mem faras similan financan raporton pri nia gazeto *Juna amiko*, ne por monato sed por jaro. Per kalkulas en svedaj kronoj, ĉar li vivas en Svedio. ILEI kalkulas en hungaraj forintoj, ĉar ĝi pretigas la gazeton en Budapeŝto. Tre proksimume, unu sveda krono egalas dek hungarajn forintojn.

Samtempe kun la raporto pri 1993, ni preparis buĝeton por 1994. Kio estas buĝeto? Ĝi havas similan formon al raporto, sed ĝi estas financa plano, ne rezulto. Ĝi montras planojn kaj esperojn por venonta periodo.

Do, sekvas via dua leciono en eknomiko...!

Nun vi havas ideon pri enspezoj, elspezoj kaj buĝetoj, ni kuraĝas prezenti simplan buĝeton por nia propra revuo por la venonta jaro, kune kun la proksimumaj rezultoj el la nuna jaro 1993. Vi vidas, ke niaj kalkuloj ne estas tiom feliĉigaj kiom tiuj de nia sveda amiko. Li finis la monaton kun iom da mono en la poŝo! Komercisto nomos tion 'profito'. ILEI kun *Juna amiko* finas la jaron kun eta mal-profito. Ni ne estas komerca kompanio, do, ni ne nomos ĝin mal-profito, sed negativa rezulto. Provu kompreni la subajn tabelojn!

**REZULTOJ KAJ BUĜETO POR JUNA AMIKO (en hungaraj forintoj)**

| *ELSPEZOJ* | *1993* | *1994* |
|---|---|---|
| Presado, n-ro 1 | 46.000 | 42.000 (nur 2000 ekz) |
| Presado, n-ro 2 | 43.000 | 45.000 |
| Presado, n-ro 3 | 40.000 | 48.000 (kun fotoj) |
| Presado, n-ro 4 | 40.000 | 45.000 |
| Poŝtmarkoj (afranko) | 100.000 | 120.000 |
| Honorarioj | 76.000 | 25.000 |
| Materialoj (ŝnuroj, plumoj ktp.) | 2.000 | 3.000 |
| Lasera printilo (kontribuo) | 10.000 | 10.000 |
| Farbo por printilo | 10.000 | 10.000 |
| Luo (kontribuo al 'Esperejo') | 18.000 | 18.000 |
| Abonkampanjo | – | 5.000 |
| **SUMO DE KOSTOJ:** | **385.000** | **371.000** |
| *ENSPEZOJ* | *1993* | *1994* |
| Abonoj: Tarifo A (373 x 550HUF) | 205.000 | 240.000 (400 x 600HUF) |
| Abonoj: Tarifo B ( 63 x 400HUF) | 25.000 | 31.500 ( 70 x 450HUF) |
| Abonoj: Tarifo C (532 x 120HUF) | 64.000 | 75.000 (500 x 150HUF) |
| **Sumo de abonoj** | **294.000** | **346.500** |
| Fondaĵo Grabowski | 54.000 | – |
| **SUMO DE RICEVOJ** | **348.000** | **346.500** |
| Negativa rezulto: | – 37.000 | – 24.500 |

La precizaj rezultoj aperos en la instruista revuo *IPR*. La sumoj estas en hungaraj forintoj, ĉar en Hungario ni pretigas la revuon. Por helpi vin kompreni forintojn, estas nun ĉ. 10 forintoj en sveda krono (SEK), 50 forintoj en nederlanda guldeno (NLG), 60 en germana marko (DEM) kaj cent en usona dolaro (USD). Venontjare verŝajne estos respektive. 15, 60, 70 kaj 115.

La tarifgrupoj A, B, kaj C en la supra kalkulo estas tiuj de la tabelo, kiu aperis sur p. 12 de *JA 93/3*. Tarifo A estas tiu por Okcidenta Eŭropo, Nord-Ameriko, Japanio kaj Aŭstralazio (t.e. 16 NLG). Ni forpenas la sumon, kiun retenas la peranto (makleraĵon) kaj la rabatojn por kvantoj, kaj kalkulas po 11 NLG aŭ 550 HUF. Tarifo B estas 10 NLG (ni kalkulas ricevon de 8 NLG = 400 HUF) por Latin-Ameriko, Israelo kaj Koreio. Tarifo C estas ĉiuj aliaj, por kiuj la pago ege varias, sed ni kalkulas averaĝan ricevon de 120 HUF.

Vi vidas, ke multaj kostoj altiĝas en 1994, ekzemple afranko, ĉar en Hungario ni havas inflacion de ĉ. 20%. Preskostoj ne altiĝos ĉar ni presos malpli da gazetoj. La sola sumo, kiun ni povas vere malaltigi, estas la honorarioj, kaj tion ni faros, por limigi la negativan rezulton. Tio signifas, ke ni dependos pli kaj pli de volontulaj helpantoj, verkantoj kaj desegnantoj.

Sed kial ni verkas buĝetojn por gazeto aŭ alia projekto? En la fino de 1994 ni povos kompari niajn rezultojn kun la buĝeto, kiun ni nun preparis, kaj ni vidos, ĉu niaj kostoj estas pli aŭ malpli ol ni planis, kaj ĉu nia varba kampanjo bone sukcesis. Tion ni konkludos, se la nombro de abonantoj en la landoj de la kampanjo (Nederlando, Finnlando k.a.) altiĝas, kaj se la enspezoj de abonoj superis la buĝetan sumon. Ni kune kontrolos!

smg 15 nov 93.

## ABONANTOJ de JUNA AMIKO (1987 - 1993)

### Elstaraj landoj listigitaj laŭ la nombro de abonantoj en 1993

| LANDOJ | Plej alta | 1987 | 1990 | 1992 | 1993 |
|---|---|---|---|---|---|
| Rusio | 1666 (1989) | 1148 | 1432 | 207 | 148 |
| Rumanio | 254 (1991) | 0 | 1 | 58 | 107 |
| Hungario | 951 (1988) | 837 | 830 | 43 | 101 |
| Kroatio | 100 (1992) | — | — | 100 | 101 |
| Italio | 119 (1991) | 14 | 40 | 94 | 94 |
| *Francio* | *84 (1993)* | *7* | *64* | *62* | *84* |
| Usono | 89 (1991) | 7 | 50 | 63 | 64 |
| Pollando | 77 (1989) | 5 | 70 | 9 | 50 |
| Svedio | 54 (1992) | 5 | 52 | 54 | 46 |
| Ĉinio | 33 (1993) | 0 | 5 | 22 | 33 |
| Koreio | 32 (1993) | 0 | 4 | 31 | 32 |
| Brazilo | 86 (1990) | 17 | 86 | 25 | 27 |
| Britio | 57 (1988) | 18 | 49 | 31 | 22 |
| Germanio | 212 (1989) | 160 | 173 | 28 | 17 |
| Aŭstrio | 19 (1991) | 0 | 8 | 14 | 14 |
| Belgio | 38 (1991) | 7 | 34 | 15 | 14 |
| Aŭstralio | 17 (1992) | 5 | 11 | 17 | 10 |
| **Landoj:** | **69 (1993)** | **?** | **33** | **64** | **69** |
| **Okcidente:** | **603 (1991)** | **138** | **553** | **500** | **464** |
| **Tutmonde** | **4122 (1989)** | **272** | **3800** | **1263** | **1127** |

El la 464 okcidentaj abonoj, pagitaj estas 373 laŭ tarifo A kaj 59 laŭ tarifo B, do 436 entute. El la 1127 tutmondaj abonoj, 963 estas fakte pagitaj — la ceteraj estas *interŝanĝaj ekzempleroj* por aliaj gazetoj, varb-ekzempleroj por perantoj, donac-oj al muzeoj, bibliotekoj aŭ al asocioj, kluboj aŭ merituloj en nepagigpovaj landoj.

Ni fakte forsendas pli ol 1127 ekzemplerojn, verŝajne ĉ. 1500 ni dissendas, aldonante pliajn ekzemplerojn kiam la poŝtaj tarifoj permesas tion sen ekstra kosto. Se VI ricevas ekstran ekzempleron, bv. montri ĝin al amikoj aŭ en via Esperanto-kurso aŭ -klubo!

Dum 1992 ni presis 2500 ekzemplerojn, ekde numero 1993 ni malaltigis tion al 2000 ekz., sed tio kostas apenaŭ malpli kaj ne indas malpliigi la preso-kvanton pli. Do, ni lanĉos varban kampanjon en kelkaj landoj, kie ni nun ne havas apartan peranton, kaj kie la nombro da abonantoj estas aparte malalta: Nederlando (5), Finnlando (3), Svislando (1), kaj eble aliaj, kiel ekz. Japanio.

Ni gratulas al Francio kaj Ĉinio, kie la nuna rezulto estas la plej bona depost 1987, kiam ni komencis noti la abonojn sisteme. Kaj al Pollando por la refortigo, kaj al Italio, Usono kaj Svedio por la daŭre forta apogo! Kaj al ĉiuj perantoj, kontribuintoj kaj helpintoj!

**Abonu nun por 1994! Liston de perantoj ni aperigis en nia antaŭa numero!**

**Restu amiko de via internacia amiko por lernantoj kaj junuloj!**

# PLIA KVAR-RESPONDA KVIZO!

**Nur unu el la kvar respondoj estas korekta — sed kiu!?**

1. Kiom da paĝoj havas la jarkolekto 1993 de *Juna amiko*?
   A: 96 B: 108 C: 128 Ĉ: 144

2. Kiom da paĝoj havis la jarkolekto 1992 de *Juna amiko*?
   A: 96 B: 108 C: 128 Ĉ: 144

3. Kie vivis la majanaj indianoj?
   A: En Peruo. B: En Hindio.
   C: En Meksikio. Ĉ: En Havajo.

4. De kiu lando estas Bukureŝto la ĉefurbo?
   A: Hungario. B: Bulgario.
   C: Albanio. Ĉ: Rumanio.

5. Kie troviĝas la fama ponto 'Golden Gate'?
   A: Los-Anĝeleso. B: Portland.
   C: San-Francisko. Ĉ: Seattle.

6. Kio estas delfeno?
   A: Amfibio. B: Ŝarkspeco.
   C: Mamulo. Ĉ: Granda fiŝo.

7. Kiu el la sekvaj ne estas teama sporto?
   A: Rugbeo. B: Korbopilko.
   C: Hokeo. Ĉ: Teniso.

8. Kie oni vidas tonsilojn?
   A: Ĉe orkestro. B: En homa gorĝo.
   C: En paperbutiko. Ĉ: Sur la luno.

9. Kiel finiĝas la proverbo: 'Doni ovon por ricevi...'?
   A: povon. B: kovon.
   C: movon. Ĉ: bovon.

10. Kion oni uzas por mezuri aeropremon?
    A: Barometron. B: Termometron.
    C: Kronometron. Ĉ: Parametron.

11. Kiom da trianguloj troviĝas en la apuda kadro?
    A: 25 B: 35 C: 45 Ĉ: 55



**12.** En kiu urbo troviĝas la fama artgalerio 'Hermitage'?

| | |
|---|---|
| A: Vieno. | B: Parizo. |
| C: Moskvo. | Ĉ: Leningrado. |

**13.** Kiujn kolorojn oni miksu por krei grizon?

| | |
|---|---|
| A: Ruĝon kaj brunon. | B: Nigron kaj blankon. |
| C: Flavon kaj blankon. | Ĉ: Flavon kaj ruĝon. |

**14.** En kiu mondparto troviĝas Hokajdo, Saĥalin kaj Ŝikoku?

| | |
|---|---|
| A: Orienta Azio. | B: Oceanio. |
| C: Sud-orienta Azio. | Ĉ: La hinda sub-kontinento. |

**15.** En kiu parto de Afriko la svahila lingvo estas vaste parolata?

| | |
|---|---|
| A: En la nordo. | B: En la okcidento. |
| C: En la sudo. | Ĉ: En la oriento. |

**16.** 'Kampanilo' estas ........... termino.

| | |
|---|---|
| A: agrikultura | B: arkitektura |
| C: astronomia | Ĉ: hidrologia |

**17.** Kie troviĝas la plej alta monto en la mondo?

| | |
|---|---|
| A: Bolivio. | B: Inter Tibeto kaj Nepalo. |
| C: Peruo. | Ĉ: Inter Nepalo kaj Hinda Unio. |

**18.** Kiu verkis la romanon 'Kiel akvo de l'rivero'?

| | |
|---|---|
| A: Julio Baghy. | B: Kalomano Kalocsay. |
| C: István Nemere. | Ĉ: Raymond Schwartz. |

**19.** Kiu estas la dua plej popol-hava lando en la mondo?

| | |
|---|---|
| A: Hinda Unio. | B: Usono. |
| C: Sovet-unio. | Ĉ: Brazilo. |

**20.** Kiuspeca motoro estis la plej grava en la industria revolucio?

| | |
|---|---|
| A: elektra. | B: dizela. |
| C: vapora. | Ĉ: vent-muelila. |

Nia revuo finas sian dudekan jaron da aperado kaj eniras la dudekunuan. Ĝi plenkreskis. Ne-plu-juna juna amiko. Tamen, ĝi ĉiam devas reteni junecajn etoson kaj mesaĝojn. Tial ni devas pensi pri novaj vojoj por la revuo. Ni devas decidi, kion la junaj esperantistoj volas legi, diskuti kaj fari.

Certe, ni havas niajn proprajn ideojn, sed la plej bona maniero scii viajn dezirojn, estas demandi vin. Do, en nia unua numero de la venonta jaro, ni donos la kvar mezajn paĝojn al **enketilo**. Tio estas listo de simple respondeblaj demandoj pri la revuo, kiel ekzemple:

- Ĉu vi povas facile kompreni niajn artikolojn?
- Kiujn rubrikojn, paĝojn aŭ legaĵojn vi plej ŝatas?
- Al kiu aĝ-grupo ni donu nian ĉefan atenton?
- Ĉu vi preferas legaĵojn por vi mem sola, aŭ ludojn por uzo en grupoj?

## KORESPONDI DEZIRAS

### Hungario

*NAGY Szilvia*, Száraz u. 29, H-1104 Budapest. 17-jara junulino dez. kor. kun 15—20-jara junul(in)o el Brazilo, Danlando aŭ Britio. Ŝatas legi, aŭskulti muzikon, amas infanojn kaj bestojn, precipe hundojn.

*HORVATH Tamás*, Nagy Sándor utca 5, fszt. 2, H-1195 Budapest. 16-jara. Serĉas samaĝan junul(in)on el Danlando, Svedio, Nederlando. Ŝatas la ludon 'AD&D'.

*LAPOS Péter*, Harmat ut. 162 IX, 54, H-1108 Budapest. 17-jara junulo. Ŝatas naturon kaj bestojn, ŝatas fiŝkapti kaj kolekti modelaviadilojn. Kun 15—20-jarulo el Britio, Brazilo aŭ Kanado.

### Kenjo

*Bokola Esperanto-Klubo*, P.O. Box 92051, Mombasa. Instruisto: Maxwell Odiyo. Lernantoj: Eunice Swalo, Pamela Ogada, Jacktona Andebe, Emmanuel Mwandoyi kaj Irene Adhiambo. La grupo kunvenas dufoje tage dum tri horoj. Lernolibro estas nur svahila-Esperanta vortaro. Deziras kontakton kun individuoj kaj grupoj, por interŝanĝi desegnaĵojn, ludilojn, kartojn, vidbendojn, poemojn kaj murgazetojn. Bezonas mult-naciajn librojn. Volonte ĝemeliĝas kun grupoj en 'mondorondo'.

### Koreio

*Seula Esperanto-Kulturcentro*, P.O. Box 3047, KR-100-630 Seoul. Proponas multajn korespondemulojn, precipe en studenta aĝo.

### Tanzanio

*Viktoria Esperanto-Klubo*, Box 2650, Mwanza. Klubo kun 26 membroj serĉas ĝemeladon en la tuta mondo. Kursas 4-hore semajne en sabato kaj dimanĉo, kun tri aĝgrupoj, 7—50-jaraj! Bezonas E-materialojn. Pluraj klubanoj deziras korespondi individue.

### Togolando

*Klubo de Sigbehoue*, s/c B.P. 104, Aneho. Dez. kor. tutmonde kvar gefratoj Kouevi, Setodji Adanmadogbe, Dovi Cete, Hounkpe Komlan: 18-jaraj.

*Klubo 'Juna amikaro'*, p/a Agbemadon-Attiogbe B. Mensah, CEG de Zalive, B.P. 134, Aneho. Dez. kor. tutmonde pri ĉiuj temoj: Houmey Nontondévo, Folly Assion, Zoun Foli, Adade Ekoué, Zoun Kangni, Togbossi Yao, Agbemadon Foli Homéfa, Anani Yao. La kursanoj estas 15-jaraj: ili parolas Eon, aktoras per ĝi kaj skribas leterojn. La instruistoj bezonas lernolibrojn kaj iom da trejnado.

Ni senpage aperigas korespondpetojn de junuloj ĝis 20-jaraĝaj kaj de instruistoj. Bonvolu skribi ĉion tre klare. Vi rajtas sendi foton de vi mem!

# Nova vojo por Juna amiko? vi kundecidu!

Por la plimulto de la demandoj, ni donos liston da respondoj, kaj vi devos nur elekti el ili. Sed vi rajtos ankaŭ skribi vian opinion per frazoj. La plej interesajn frazojn ni aperigos, kune kun la ceteraj rezultoj.

Kaj kompreneble, kelkaj respondantoj ricevos valorajn premiojn – ni organizos loterion el la ricevitaj enketiloj.

En la antaŭa numero ni pardonpetis pro ĝia malfruo, kaj informis vin, ke ni faras ŝanĝojn en la redakcio cele al akurata ĝustatempa revuo. Kiel vi vidas, ni jam komencas havi rezultojn. Sed tiuj redakciaj ŝanĝoj mem devigas nin ŝanĝi iom la enhavon. Jen estas kelkaj el niaj propraj imagoj pri la revuo en 1994:

- Ni fokusos la revuon pli forte al la aĝ-grupo 9 ĝis 15. ILEI preparos apartajn libretojn por infanoj kvin- ĝis ok-jaraj.
- Ni estu pli dinamikaj. Gvidu nin verboj kaj agoj kaj faroj.
- Ni pli koncentriĝu pri la nuntempa vivo kaj faroj de junuloj.
- Pli da konversacioj, dialogoj kaj ludoj, kun limigita kvanto da literaturaj eroj: poemoj, fabeloj ktp.
- Pli da partoprenigaj eroj, taŭgaj por grupa uzo.
- Uzo de pli simpla lingvaĵo, pli da artikoloj verkitaj per la 960 vortoj de la listo el JA 93/3. Pli mallongaj, simplaj frazoj, kiel en la nuna artikolo.

Nun, vi konsentos aŭ mal'konsentos. Vian opinion vi povos komuniki al ni per la enketilo. Ni zorge ate.tos la rezulton. Ni ŝanĝos aŭ modifos niajn proprajn ideojn, laŭ la deziroj de la legantoj.

Ni spertos plurajn problemojn, se ni efektive ŝanĝos la stilon de la gazeto laŭ niaj ideoj, ĉar niaj kontribuantoj ĝenerale ne verkas ene de la 960 vortojn, kaj ni ne ŝatas tro multe ŝanĝi ricevitajn tekstojn. Plie, preskaŭ neniu verkas tian komunik-stilan materialon. Kontraste, ni havas tirkesto-plenojn da poemoj, kantetoj, fabeloj, fein-rakontoj ktp., sufiĉaj por dek jaroj da *Juna amiko*!

Por sukcesigi la ŝanĝon, kiun ni imagas, ni bezonos kelkajn regulajn kontribuantojn, kiuj instruas la lingvon laŭ modernaj metodoj, kaj por tio verkas kaj uzas aktivigan materialon, kiun ni povos ricevi kaj aperigi.

Sed ĉu ni ŝanĝu aŭ ne? Por doni vian star-punkton, la unua paŝo estas frue reaboni al nia revuo por la nova jaro! Nur re-abonintoj ricevos ĝin!

smg 18 nov 93

40 HUF kun livero (50 en 1994)

## Rol-ludo: Diana (13-jara)

Vi estas la plej aĝa kaj inteligenta. Vi lerte ludas ŝakon, ŝatas matematikon kaj jam scias programi komputilojn. Tion vi faras en la lernejo, sed vi tre volonte havus propran komputilon hejme, por ke vi povu progresi, verkante kaj testante la proprajn programojn.

Vi estas bon-konduta, eĉ vi estas viktimo de aliaj infanoj. Ekzemple, tiu Barbara havas teruran kateton, kiu subite kaj sen bona kialo gratis vian brakon. Ĝi multe sangis. Kaj kiam vi forlasis la domon, kie loĝas Cecilo, post vizito, vi surmetis vian boton kaj trovis ĝin plena je spinaco! Tiu aĉa Cecilo certe faris tion. Vi devis iri hejmen kun malseka ŝtrumpeto, kaj ĝi ankoraŭ nun estas verda. Krom komputilo, vi ŝatus modelan brontosaŭron, kiel tiuj ĉarmaj vegetaranoj el *Ĵurasa parko*.

## UNU TAGO EN LA VIVO DE PAĈJO KRISTNASKO

*Skeĉo por helpi vin aktori la rol-ludon. Paĉjo K. vizitas kvar aliajn infanojn en alia urbo:*

**Paĉjo K.:** Ho, ho, ho! Ĉu infanoj ĉi tie atendas min? Infanoj!!

**Petro:** Jes, jes, ni atendas vin! Bonvenon, Paĉjo Kristnasko, envenu!

**Silvia:** Metu vian pezan sakon en angulon, apud mia malplena ŝtrumpeto!

**Timoteo:** Ne, ne! Metu ĝin apud mia, en la alia angulo! Kio enestas?

**Paĉjo K.:** Infanoj, ne kriu kaj kverelu! Miaj donacoj estas por bonaj infanoj! Ho, kiom miaj ostoj doloras! Estas malvarme ekstere!

**Veroniko:** Venu kaj ripozu en ĉi tiu komforta seĝo, ni portos varman teon!

**Petro:** Dume rakontu, kiujn donacojn vi portis! Mi volas modelan trajnon...

**Veroniko:** Kaj mi muzikan sintezilon; mia frato deziras triciklon...

**Silvia:** Kaj mi volas tiun belan pupo-domon, kiun mi vidis en la butiko!

**Paĉjo K.:** Nu, nu, ni devos vidi, kion mi fakte kunportis. Proksimigu mian sakon... (*li enrigardas*) ... ho, jes! Bone! Senduba sukceso! Infanoj, certe en la lastaj monatoj vi iris al kinejo kaj vidis la filmon *Ĵurasa parko* pri dinosaŭroj. Mi portis por ĉiu modelan dinosaŭron! Por vi, Silvia, stegosaŭro! Por vi Timoteo, tiranosaŭro! Por vi Petro, pterodaktilo – vidu, ĝi kapablas flugi! Por vi, Veroniko, velicoptero, kiel en *Ĵurasa parko.*

**Petro:** Kiu parko? Mi neniam aŭdis pri ĝi. Ni certe ne vidis tiun filmon! Jaj! Kiom malbela kaj sovaĝa bestaĉo estas mia donaco!

**Timoteo:** Jes, mi timas pro mia tiranosaŭro! Mi volas triciklon! *(ploretas)*

**Veroniko:** Kaj mi muzikan sintezilon! Kiajn dentaĉojn havas la besto!

**Silvia:** (*ekploras*) Mi skribis al vi, ke mi volas la belan pupo-domon!

**Petro:** Kaj mi la trajnon! Ni ĉiuj skribis al vi! Ĉu vi ne legis niajn leterojn?

**Paĉjo K.:** Ve! Mi kredas, ke mi serĉos novan profesion ĝis la venonta decembro! Eble direktisto de aviadila trafiko ... vendisto de uzitaj aŭtoj... ... aŭ leon-pacigisto...